Je via nomo, kaj speciale je l'nomo de la Ligestraro, mi sincere dankas kaj gratulas S-ron Schoofs, la ageman Direktoron, pro lia fina venko! Mi ne volas jeti al li florojn, tamen, mi ne povas preterlasi atentigi vin pri la granda laboro, kiun postulas regula eldono de revuo. Kiam la leterportisto alportas al vi B. E. ĉu vi jam pripensis la sumon de la laboro, kiun ĝia eldono postulis de ĝia Direktoro? Ĉu vi jam demandis al vi, kiu zorgis pri ĝia enhavo, pri la kunmetado de la artikoloj, pri la korektado de la presprovajoj, pri la multaj vizitoj al la presisto kaj fine pri la dissendo, kiu postulas ankaŭ multe da tempo kaj laboro por skribi la adresojn? Nu, kiam vi ricevos la proksiman numeron, pripensu pri ĉiuj tiuj tempopostuloj kaj tiam vi certe ne plu tiel facile kritikos ĝian eblan prokraston; tiam vi certe havos pli da simpatio por ĝi kaj vi instigos ĉiujn viajn grupanojn ĝin aboni. Oni tiel ofte diris al ni: «Kiam la ĵurnalo aperos regule ni abonos ĝin»; Nu, ni atendas kun fido; ni faris ĉion eblan por kontentigi vin, nun ni esperas, ke vi plenumos vian promeson. Ne forgesu, ke B. E. estas via ĵurnalo; tial estas via devo ĝin subteni kaj vivigi. Tiuokaze mi memorigas al la grupestroj ilian promeson abonigi ĉiujn siajn membrojn kaj mi tutkore dankas kaj gratulas la grupon: «Verda Stelo», el Antverpeno, «Genta Grupo», «Mehlena Grupo», «Al Triumfo» el Sankta Nikolao, kiuj aranĝis sian kotizon tiamaniere, ke ĝi entenas la abonon al B. E. Tiuj grupoj spertis, ke per ĵurnaloj ili pli interesigas siajn membrojn al nia movado kaj pli facile konservas lin. Estas do profito por ĉiuj, ĉar ne forgesu, ke B. E. estre tre bona monhavigilo por la Ligo; ju pli la nombro da abonantoj estos granda des pli bona estas nia propaganda povo. Ni do esperas, ke oni ne plu diskutos pri la abonigo kaj ke oni bonvoleme submetiĝos je la decido de la Liga Komitato. Cetere, ne estas la ridinde malgrava sumo de 7.50 fr. jare kiu povas malhelpi la abonadon!

Mi havas ankoraŭ bonan novaĵon por sciigi al vi. Antaŭ kelkaj monatoj fondiĝis en Antverpeno, dank'al la iniciativo de kelkaj sindonemaj anoj de «Verda Stelo», koopera societo sub la nomo: «Belga Esperanto - Instituto» kiu celas ĉiumaniere propagandi nian lingvon. Laŭ la statutoj, kiuj aperis en «Moniteur Belge» kaj ilia traduko en la maja numero de B. E., parto de la eventuala profito estas difinita por B. L. E. Tiu instituto estas do kvazaŭ oficiala esperantista organismo, kiu, interkonsente kun la Ligo, eldonos ĉiuspecajn propagandilojn kaj Esperantajn librojn. Tiu koopera societo per kiu nia lando estas dotita kiel en Francujo kaj Nederlando, ricevis plej favoran akcepton ĉar ĝis nun pli ol 15.000 frankoj estas jam subskribitaj. La akcioj kostas nur cent frankojn pagotajn 20 o/o ĉe la enskribo kaj 10 o/o ĉiujare se necese. Tiuj kondiĉoj estas tre avantaĝaj kaj ni faras varman alvokon al ĉiuj Samideanoj por ke ili subskribu kelkajn akciojn de tiu societo kiu certe faros plej gravajn servojn al nia afero. Mi tutkore gratulas la iniciatintojn de «Belga Esperanto - Instituto» kaj deziras al ilia entrepreno plej grandan sukceson.

Vi do konstatos, ke ni povas esti kontentaj pri la laboro de la pasinta jaro kaj rigardi la estontecon kun fido. La Ligestaro studas diversajn rimedojn por ankoraŭ pli bone disvastigi nian movadon; inter ili estas unu kiu devas esti speciale bone pristudata: la organizo de korespondaj kursoj, kiuj estas tre grava propaganda rimedo. Estas evidente, ke la scienculoj, intelektuloj, kaj ĝenerale la personoj, kiuj havas gravan situacion, ne ŝatas sekvi publikajn kursojn; ni do devas doni al ili la eblecon konatiĝi kun Esperanto kaj la plej bona rimedo estas koresponda kurso, kondiĉe ke la metodo estu bona kaj taŭge aplikata. Ni do faras alvokon al interesatuloj por ke ili faru al ni proponojn pri metodo; ni zorge ekzamenos ilin kaj elektos la plej bonan, kiun ni presigos kaj metos je la dispono de niaj propagandistoj je favoraj kondiĉoj.

S-ro Ĉefinĝeniero Vandevelde, el Gento, ĵus malfermis korespondan kurson kiu promesas esti tre interesa; jam kelkaj kleruloj respondis al lia alvoko kaj la eksperimento estos serioze daŭrigata ĉar ĝi antaŭvidigas bonajn rezultatojn.

Jen do nova batalkampo, kiu valoras esti bone pristudata.

Nun restas al mi la agrabla tasko danki la organizintojn de la nuna kongreso. Antaŭ ĉio ni ne forgesu ĝian iniciatinton S-ron Benoit, nian bonegan propagandiston, kiu interesigis al nia afero la ĉi tiean gravan societon: «Ligue des Intérêts Matériels de La Panne» kiu, dank'al li, invitis nian Ligon kunveni hodiaŭ en La Panne. Sed, ne sufiĉis al S-ro Benoit ke oni decidu, ke la kongreso okazos: li volis, ke estu tie ĉi Esperantistoj por ĝin organizi kaj akcepti la belgan Samideanaron. Li do decidis malfermi kurson en La Panne. Interkonsente kun la «Ligue des Intérêts Matériels» li organizis bonan propagandon kaj mi havis la plezuron kaj la agrablan surprizon fari la malferman paroladon por preskaŭ cent geaŭskultantoj. Tuj ĉirkaŭ 75 gelernantoj enskribis sin por la kurso. Sub la lerta gvidado de S-ro Benoit la kurso bone sukcesis kaj finiĝis kun aro da bonaj esperantistoj. Sed ne ankoraŭ sufiĉis al S-ro Benoit organizi kurson, li volis fondi grupon kaj li plene sukcesis. Ni havas nun en La Panne viglan grupon, kiu ne hezitis organizi la nunan feston.

Tiun belan rezultaton ni ŝuldas al la sindonemo de S-ro Benoit, kiu venis dufoje semajne el Oostduinkerke por gvidi la kurson kaj helpi la novan grupon kaj, kiam ĉio estis en ordo, li modeste lasis la aferon al aliaj. Je l'nomo de vi ĉiuj, mi tutkore dankas S-ron Benoit kiu estas vera modelo de esperantista propagandisto kaj li povas fieri pri la rezultato de sia entrepreno.

Sed, se S-ro Benoit tiel bone sukcesis estas certe ankaŭ dank'al la efika apogo de S-ro De Mailly, la agema Prezidanto de «Ligue des Intérêts Matériels de La Panne, kies iniciatemo kaj sindonemo estas bone konatoj. S-ro De Mailly tuj interesiĝis pri nia afero kaj li ne hezitis proponi al sia societo inviti nin al La Panne.

La Ligestraro akceptis kun granda plezuro tiun inviton ĉar ĝi estis certa ke la Kongreso en La Panne estos granda sukceso kaj ĝi ne eraris! Vi povis konstati, kiel bone niaj Panaj amikoj zorgis por la kongresaranĝoj.

Sed ili ne kontentiĝis organizi belan kongreson, ili ankaŭ eldonis tre belan kaj interesan gvidlibreton de La Panne! Denove S-ro Benoit tre efike helpis kolektante multe da mono por ebligi ĝian presadon; S-ro Demailly multe laboris por ĝia eldonado kaj S-ro Roussel faris senpage la karton por la koverto. Estas vere kuraĝige konstati tiom da memofero por nia idealo kaj mi tutkore dankas tiujn tri amikojn pro ilia bona laboro!

Fine mi dankas la kongresorganizantojn kaj ĉefe la ageman Sekretarion S-ro Van Doren, la animo de la tuta afero, kiu tiel lerte kaj akurate ĉion taŭge aranĝis kvankam li nur estas tre nova Samideano! Dank'al niaj Panaj amikoj ni povas hodiaŭ jeti la bonan semon en la alia ekstrema parto de nia lando. Pasintan jaron en Verviers — nun en La Panne!

Nu, karaj gesamideanoj, ĉu la faktoj pri kiuj mi ĵus raportis ne estas kuraĝigaj? Ĉu la estonteco ne montriĝas al ni tre favora?

Se la pasinta kongreso estis la «Kongreso de la gaja espero» ke la nuna estu la «Kongreso de la gaja realiĝo»!

Ĉiuj do gaje al la laboro en paco kaj konkordo!

Vivu niaj Panaj amikoj! Vivu Esperanto!

HENRI PETIAU.

* * *

Poste S-ro F. MATHIEUX, kasisto, faras raporton pri la financa stato de nia Ligo:

Karaj geliganoj,

La jaro 1925a ne lasis multe da mono en la Liga kaso: nur 300 fr.

Tamen niaj enspezoj estis pli gravaj ol dum 1924: 6.800 fr. anstataŭ 6.100 fr. Tiun progreson ni ŝuldas parte al la plimultnombriĝo de la abonantoj kaj parte al la pli bona organizo de nia anoncevarbado por «Belga Esperantisto».

Sed niaj elspezoj kreskis ankoraŭ pli rapide, ĉefe ĉar nia gazeto aperis pli ofte (10 kajeroj anstataŭ 6).

Pro tiu fakto, ni elspezis ĉirkaŭ 6.400 fr. anstataŭ 4900, sed tiuj elspezoj certe ne devas esti bedaŭrataj, ĉar ju pli nia gazeto fariĝos enhavriĉa des pli facile ni varbos abonantojn.

Je tiu vidpunkto mi konstatas, ke kelkaj grupoj ne konformas sin al la regularo de la Ligo, kiu decidis ke ĉiu ligano (krom gefamilianoj loĝantaj en sama domo) devas esti abonanto al B. E.

Oni tamen ne povas serioze pretendi ke tiu abonigo, kiu estas ebla en preskaŭ ĉiuj grupoj, estas neebla en du aŭ tri el il. Tio nur dependas de la agmaniero de la grupgvidantoj. Kiam nia gazeto aperis nur malofte kaj neregule, ekzistis kialoj, sed ili nun estas tute malaperintaj.

Mi esperas, ke ĉiu komprenos sian devon, kaj ke tiam ni povos aperigi 12 kajerojn jare sen perdi nian budĝetan ekvilibron.

Finante ĉi tiun raporton, mi turnas min kun speciala danko al la «Genta Grupo Esperantista», kiu en 1925 memvole donacis Fr. 500.— al nia Liga kaso.

* * *

S-ro F. SCHOOFS, diras, ke li estas feliĉa, ke li povas transdoni parton de la laŭdo al li direktita koncerne la eldonadon de «Belga Esperantisto», al liaj konstantaj redaktaj kunlaborantoj de la revuo, kies nomojn li ne volas citi ĉar ĉiuj legantoj ilin konas; li tamen deziras esprimi specialan dankon al S-ro Jaumotte, redaktoro, kiu helpas en la ĝenerala aranĝo de la gazeto, al S-ro H. Vermuyten, kiu ĉiam estas je lia dispono por korektada laboro, al S-ro G. Vermandere, kiu prizorgas la bele presitajn adresilojn, kaj al F-ino Jeanne Van Bockel, kiu tiel sindone prizorgas la dissendadon. — La ĉeestantaro vigle aplaŭdas la nomojn de tiuj meritplenaj samideanoj.

Poste, S-ro SCHOOFS, kiel ĉefdelegito de U. E. A. en Belgujo, mallonge raportas pri la celo kaj pri la praktika signifo de la nova aranĝo, de U. E. A.-administrado en nia lando, laŭ teritoria metodo. Mallonge li

konstatas la progresadon de nia internacia Asocio en nia lando, precipe dum la jaro 1925, dum kiu estis inaŭgurata la nova metodo. Plej elokventa estas jena statistiko pri la nombro de membroj kaj de delegitoj:

| | 1920 | 1921 | 1922 | 1923 | 1924 | 1925 |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Membroj: | 72 | 67 | 74 | 77 | 83 | 160 |
| Delegitoj (Lokoj): | 13 | 20 | 25 | 28 | 23 | 31 |

La nombro de la membroj en 1925, konsistanta el 28 membroj, 127 membroj-abonantoj, 4 membroj subtenantoj kaj 1 dumviva membro, entute 160, donas al Belgujo la 16an lokon inter 29 Eŭropaj landoj. Kvankam tiu vico estas jam honoriga, estas konstatinde, ke landoj kun plimalpli samnombra loĝantaro havas proporcie, en 1925, multe pli grandan membraron, ekzemple Nederlando: 323 kaj Svislando 261. — Inter la urboj kun grava membraro estas citinda Antverpeno, kiu, kun 67 membroj okupas la 10an lokon inter ĉiuj urboj.

Por la jaro 1926, la esperoj estas kontentigaj, ĉar malgraŭ forfalo de nur 14 membroj, la nombro de la ĝis nun pagintaj membroj atingas jam 180. Malgraŭ tio la Belga Esperantistaro povus liveri almenaŭ duoblan nombron de membroj al U. E. A. — La ĉefdelegito faras varman alvokon, por ke tiuj kiuj ne jam aliĝis al U. E. A. tion tuj faru, tiel plenumante «sian tutan devon», kiel tiel trafe diris F-ino Thooris dum nia Bruĝa Kongreso en 1924.

S-ro PETIAU, komitatano de U. E. A., varme subtenas la alvokon de la antaŭa parolanto.

Poste la prezidanto donis la parolvicon al S-ro P. NYSSENS, inĝeniero, Direktoro de la Instituto de homa kulturo en Bruselo. Tiu nova samideano,kiu meminstrue lernis Esperanton de antaŭ ses monatoj, regalis la ĉeestantaron per bela parolado pri «Entuziasmo». Ni ne komentos tiun paroladon; ĝi plene meritas ke ni laŭtekste konigu ĝin ankaŭ al la neĉeestintaj legantoj. Tial ni ĝin publikigos en nia proksima numero. Ni nur akcentu ĉi tie pri la bela formo de tiu parolado kaj pri la bela elparolmaniero de nia nova amiko, kiun ni pro tio sincere gratulas kaj dankas. Estis vera ĝuado por ĉiuj aŭskultintoj, kiuj ne preterlasis «entuziasme» aklami la parolinton.

S-ro PETIAU legas telegramon kaj leterajn salutojn ricevitajn de multnombraj personoj kaj organizaĵoj, interalie de: S-ro Prezidanto Witteryck, Centra Komitato de la Esperanto-movado, Genève, Sudslava Esperantista Ligo, Germana Esperanto-Asocio, Meĥlena Grupo Esperantista, S-ino Maria Elworthy-Posenaer, F-ino Thooris, S-ro Baesens, prez. de Meĥlena grupo Esp., k. t. p.

Monkolekto je la profito de la Liga kaso ĝuis bonan akcepton ĉe la ĉeestantaj membroj, kiuj, post kelkaj dankaj paroloj de la prezidanto, forlasis la salonon kun la krio: «Vivu Esperanto! Vivu Zamenhof!»

---

## LA FOTOGRAFADO.

Antaŭ ol komenci alian kunsidon — manĝkunsidon —, la gekongresanoj ankoraŭ faris promenadon tra la beleta urbeto, kiu je nia honoro ricevis specialan ornamon. Ĉe preskaŭ ĉiu domo, ja flirtis gaje belgaj, esperantaj kaj francaj flagoj.



15a Belga Kongreso en La Panne; — Grupo de Kongresanoj.

Tra la ĉefaj stratoj, la sekvantaro iris ĝis apud la marbordo, kie okazis la fotografado de la tuta grupo.

Pri tiu okazintaĵo, ni ne pli detale parolos. La represo kiun ni faras ĉi kune, montras la gajan humoron de la grupo, kiu nur estis iomete neŭtraligita de malsaneto, kiun unue la viroj, sed iom post iom ankaŭ la virinoj eksentis en sia stomako.

## LA FESTENO.

Kelkaj momentoj poste, ni ĉiuj kunsidis ĉirkaŭ longaj tabloj hufferoformaj. Ĉirkaŭ la honora tablo ni rimarkis,krom la estraranoj de Belga Ligo kaj la lokaj organizantoj de la Kongreso, S-rojn Dumont, Moenclay, komunumajn konsilantojn, koj S-rojn Pirsch kaj Briart, reprezentantojn de la loka gazetaro.

La aliaj kunmanĝantoj iomete dise ĉetable sidis. Ĉie regis de la unua momento ĝis la lasta, la plej kora gajeco. Multaj kiuj hieraŭ ankoraŭ ne konis unu la alian, nun jam kune babilas kaj rapide intimiĝis.

Pri la tehnika parto de la festeno mem, ni nun povas rediri nian impreson de la unua momento. La aranĝo estis perfekta, kaj se ni aldonas, ke la mangaĵoj estis abundaj kaj bongustaj, ni laŭdis ĉion, kio en festeno povas esti laŭdinda.

Aldonu ni, ke la toasta flanko estis same prizorgita. Ili same estis abundaj sed tamen ne tro longaj kaj ili klarigis ĉiuj saman spiriton de frateco, kaj de amikeco. S-ro Van Doren, deziris al la manĝantaro plej bonan apetiton, kaj agrablan kuneston. S-ro Cogen, eldiris jenan toaston al la gereĝa familio:

Karaj Geamikoj.

Laŭ malnova kutimo, mi intencas trinki je la sano de nia Gereĝa Familio.

Ni scias kiom la Gereĝoj sin interesas al ĉiuj manifestacioj belgaj ĉu ĝojaj, ĉu malĝojaj, ĉu intelektaj, ĉu moralaj, ĉu materiaj!

Dum la lastaj monatoj nur, ni vidis ja nian Reĝon prezidi kongresojn de scienculoj, ĉeesti sportajn konkursojn, viziti niajn subakvigitajn regionojn kaj ĉu kunporti la apogon de sia morala forto disdiri vortojn kuraĝdonajn, disdoni materian helpon:

Ni vidis ankaŭ nian bonkoran reĝinon instigi la kreadon de sciencaj institutoj en kiuj la scienculoj serĉos la definitivan kuracilon kontraŭ misteraj sed teruraj malsanoj; ni vidis ŝin inaŭguri tiujn institutojn;

Ni vidas ŝin viziti malfeliĉulojn kaj gecent jarulojn kaj feliĉigi kelkajn momentojn de ilia ekzistado per siaj dolĉaj, kortuŝaj vortoj kaj per sia bela, anĝela rideto;

Ni vidas ŝin kunglori la memoron al niaj artistoj kaj festi la centajn datrevenojn de niaj artaj lernejoj.

Kaj la Gereĝidoj ankaŭ kuraĝe preparas sin al siaj estontaj devoj. La Duko de Brabanto entreprenis grandan vojaĝon tra nia Kongolanda Kolonio el kiu li revenis kun riĉa provizo da ideoj kaj spertoj kiujn li jam konigis en grava parolado.

Vi scias, geamikoj, ke niaj Gereĝoj kaj Princo Leopold nia honorprezidanto, montris pli ol unu fojon sian intereson al la demando pri la L. I. Tial ni ne rajtas forgesi ilin nek la tutan Familion, kaj mi proponas al vi malplenigi nian glason je la sano de nia Reĝo, de nia Reĝino kaj de la Gereĝa Familio!

Mi proponas sendi al nia Reĝo la jenan telegramon:

Al lia Reĝa Moŝto Albert,
Reĝo de l'Belgoj, en lia Palaco, Bruselo.

Via Reĝa Moŝto, la Geesperantistoj belgaj kunvenintaj kun kelkaj fremdaj amikoj kongrese en La Panne, urbeto dolĉa al via membro, aklamis toaston eldiritan je via honoro kaj je tiu de la Reĝino kaj de la tuta Gereĝa Familio.

La Prezidanto: L. COGEN. (1)

---

(1) Jen la respondo de la Reĝo:
« Etat. — Réponse No du 23.
» Monsieur Cogen, Président des Espérantistes belges, La Panne.
» Le Roi, très touché du contenu de votre message ainsi que de votre gracieuse pensée pour la reine et pour la famille royale, me charge de vous en remercier cordialement en son nom, ainsi que tous les Espérantistes, dont vous vous êtes fait l'interprète.
Chef Cabinet Roi. »

S-no COGEN daŭrigis tiel:

Permettez, Mesdames et Messieurs, d'ajouter un mot en français. Comme à Verviers et ailleurs, nous avons à La Panne la chance et l'honneur d'avoir parmi nous des représentants de l'Administration Communale. Ce matin, M. le Bourgmestre, ainsi que l'un de Messieurs les Echevins, nous ont fait le grand honneur de nous recevoir officiellement. A l'heure présente, MM. les Conseillers Dumont et Moeneclay nous font le grand plaisir de participer à notre banquet. Nous exprimons à tous nos remercîments les plus vifs pour l'intérêt qu'ils témoignent à la cause si humanitaire, si pacificatrice de l'Espéranto,, car leur présence à nos travaux et à nos fêtes produit sur le public toujours et infailliblement, l'effet le plus heureux, nous le constatons chaque année. Dans leur sphère d'action, ils collaborent ainsi grandement à la rêalisaiton de notre idéal.

Il en va de même, Messieurs, du rôle de la presse vis à vis de notre entreprise. Prudente et retenue autrefois, quand elle connaissait moins bien la nature et le but de nos efforts, elle nous prodigue actuellement l'aide la plus chaleureuse et la plus précieuse par ses insertions, ses notes, ses articles sur la question de la L. I. A. qu'elle répand ainsi toujours davantage dans le grand public du monde entier.

Nous avons le plaisir et l'honneur, Mesdames et Messieurs, de voir assister à notre Congrès et à notre Banquet, trois de ses distingués représentants: MM. Pirsch, Briart et Jaumotte. En leur personne nous exprimons notre plus vive gratitude envers ce que l'on nomme parfois «le quatrième pouvoir de l'Etat».

Mesdames et Messieurs, je lève mon verre en l'honneur et à la santé de Monsieur le Bourgmestre, de Messieurs les Echevins et Conseillers Communaux, de Messieurs les représentants de la presse!

* * *

S-ro COGEN legis telegramon de S-ro Witteryck.

S-ro DUMONT, dankis je la nomo de la Urba Konsilantaro.

S-ro LA GRAVIERE toastis je l'honoro de la fremdaj gesamideanoj kiuj estis en La Panne, kaj S-ro TROTIN, el Lille, dankis je la nomo de tiuj gekongresanoj kaj speciale de la francaj Esperantistoj.

Ni reportis la laŭdvortojn de S-ro Cogen al la ĵurnalistaro speciale al tiuj ĵurnalistoj, kiuj ne estas esperantistoj, kaj kiuj tamen ion faris por nia movado, kaj invitis ĉiujn trinki je l'honoro de la ĉeestantoj virinoj, je kies nomo ege sprite respondis S-ino BRAMKAMP, kiu samtempe parolis nome de la nederlandaj gesamideanoj.

S-ro Schoofs aklamigis la nomon de S-ro Nyssens, kaj S-ro Petiau faris honoron pro la aranĝado de tiu kongreso al la organizantoj, kaj speciale al S-ro de Mailly, la ĉarma prezidanto, kaj al ties vigla kaj sindonema sekretario, S-ro Van Doren, kiuj ambaŭ senlace laboris dum la lastaj semajnoj, por bone aranĝi la tutan aferon kaj kiuj tiele meritis nian tutspecialan dankon.

S-ro VAN DOREN esprimas la kontentecon de liaj amikoj pro la fakto, ke ili sukcesis havigi kelkajn agrablajn horojn al la gesamideanoj kunvenintaj en La Panne. Li dankas siajn lokajn amikojn, kiuj tiel efike kaj sindone lin helpis dum la organiza periodo.

Post la oficiala parolada parto, kelkaj bonvolemuloj per monologoj kaj kantoj helpis krei ankoraŭ se eble pli intime gajan atmosferon. Ni citu la nomojn de F-inoj Boereboom kaj Dotselaere, de S-roj Namlet kaj Dotselaere.

---

## LA VESPERFESTO.

Kiel kutime la kongreskomitato organizis je Dimanĉvespero, feston en salonego «Vieux Bruxelles».

La kongresanoj havis senpagan enirrajton, kaj la enloĝantoj de La Panne estis per belaj afiŝoj, gluitaj sur la muroj de la urbo, invitataj ĉeesti tiun dancfeston, kiu estus agrabligita per gajaj kaj muzikaj intermezoj.

Se unuflanke la gekongresanoj multnombre ĉeestis la feston, ni devas konfesi ke la loĝantaro de la marurbeto ankoraŭ pli multnombre partoprenis tiun parton de nia kongreso.

En malplena salono estas malfacile altiri fest-atmosferon. Multnombreco de la ĉeestantoj kontraŭe alportas kun varmeco kaj ŝvito, ankaŭ la gajhumoron, kaj kontentecon.

Ni aldonu tuj, ke la atmosfero iĝis despli facile agrable, ĉar la organizantoj zorgis unue pri ege bona jazz-band-orkestro, kiu dancigis esperantistojn kaj ne-esperantistojn, junulojn kaj maljunulojn en plej gajaj rondoj.

Alia afero kiu estis same bona prizorgita, kaj por tio zorgis plejgrandparte la estro de la Festorganiza-klubo, S-ro Cogen, — estis la koncerta parto, kiun oni ne okazigis je l'komenco aŭ je l'mezo de la balo, sed sub la formo de intermezoj ĉiukvaronhore.

S-ro Cogen zorgis por muziko, F-inoj Boereboom kaj gefraŭloj Dotselaere por belaj kantoj, kiujn ili per agrablega voĉo Esperantlingve aŭdigis violone akompanataj de S-ro Platteeuw, S-ro H. Vermuyten, per Esperantaj deklamaĵoj kaj spritaĵoj, kaj «last not least», S-ro Namlet, de la Bruselaj Teatroj, kiu bonvolis deklami kelkajn humoraĵojn en nacia lingvo, kaj tio estis ege bona ideo, se ni konsideras la grandan nombron de la ne-esperantistaj ĉeestantoj. Tiel ĉiuj havis la okazon aplaŭdi, kaj... oni multe aplaŭdis.

---

## LA DUA TAGO.

Kion ni rakontos pri la dua tago? Kutime estas multe pli malfacile rakonti detalojn pri feliĉaj horoj, kiuj tro rapide forflugis, ol pri malgajaj, kiuj ŝajnis daŭri senfine.

La promenado, kiun ni faris de La Panne al Oost-Duinkerke, estas kalkulota, almenaŭ laŭ ni, se ni povas esprimi subjektivan impreson, inter tiuj feliĉaj horoj.

Imagu al vi unuhoran promenadon al Coxyde, tra dolĉa sabloebenaĵo, kun maldekstre la trankvilaj ondoj de l'maro, kiu alportis al ni iom da freŝa aero, dum — je la alia flanko — tro malofte videbla suno, je nia honoro, sendis sur teron, siajn plej ĝentilajn radiojn.

Ne ĉiuj marŝis samrapide, kaj iom post iom nia grupo similis al karavano iom dissemita kiel filmoj pri Sahara aŭ alia brula dezerto ilin montris al ni. Ni nur bedaŭras, ke neniu inter ni, je tiu vera momento, per fotografado eternigis por niaj nepoj, tiun heroan marŝadon tra la sablo.

Feliĉe lokiĝas inter La Panne kaj Oost-Duinkerke, malgranda oazo, konata sub la nomo de Coxyde kie soifantoj karavananoj estas ĉiam kore akceptataj.

Ni esperas ke en Coxyde ĉiuj fremduloj estas tiom ĝentile akceptataj kiom la Esperantistoj estis tiun tagon!

Je la limo de la urbeto, ni jam estis kore akceptataj de la administrantaro de Coxyde-Extension, al kiuj la estraranoj de nia Ligo estis prezentataj.

Tiuj sinjoroj kondukis nin al fonto mistera, kie ne akvo sed freŝa vino, kaj bonvenigaj paroloj atendis nin. S-ro de Mailly prezentis nin ĉiujn kune al la reprezentantoj de «Coxyde-Extension», kies delegito respondis per lerta paroladeto, en kiu li diris la simpation, kiun li havas por nia movado, kaj certigis la Esperantistojn, ke ili ĉiam ricevos en Coxyde same bonan akcepton, kiel ni jam ĝuis en La Panne.

S-ro Cogen dankis por tiuj ĉarmaj vortoj, kaj ree ni marŝis, tiun ĉi fojon tra la arbetriĉaj dunoj, al Oost-Duinkerke.

* * *

En Oost-Duinkerke: Ĉe Sinjoro BENOIT.

Povus ŝajni,ke la iom longa promenado laŭlonge de la maro estus laciginta la kongresanojn, kiam ili alvenis en la hotelo de sinjoro Benoît. Ni tamen konstatis, ke la Geesperantistoj ne timas la plenaeran promenadon. Efektive, sinjoro Benoît estis nur jus bonveniginta la gekongresanojn, kiam, atendante la pretigon de la tagmanĝo, la gejunuloj estis jam dancantaj en unu el la salonoj de la hotelo.

Promenado kaj dancado estas ege apetitdonaj, kaj, kiam oni anoncis la manĝadon, estis kun speciala manĝemo, ke oni sidiĝis, kaj ke oni bonvenigis la bonajn manĝaĵojn.

Kvankam ne estis festeno,kaj kvankam oni do ne oficiale povas paroli pri la horo de la toastoj, la komitatoj de la kongreso kaj de la Belga Ligo, ne volis preterlasi la okazon, diri kelkajn vortojn je l'honoro de tiu, kiu estis la vera iniciatinto de la tuta afero, de tiu, kiu zorgis por tio, ke en La Panne ni trovu, se ne multajn, tamen ege bonajn Esperantistojn, en tiu La Panne, kie antaŭ unu jaro, ne estis unu Esperantisto!

Tiu pioniro de nia movado estas, kiel ĉiuj scias, S-ro Benoît, kies gastoj ni estos.

Post kiam S-ro Benoît estis dankinta por la belaj floroj retorikaj kaj ankaŭ naturaj, kiujn al li prezentis ĉarma samideanino el La Panne, fraŭlino Victoor deklamis spritan poeziaĵon, kaj fine S-ro De Ketelaere aldonis kelkajn kortuŝajn vortojn por rememorigi la ĉeestantojn pri la blindulo S-ro Fedor Reynaert, kiu, dum la festeno kaj je aliaj okazoj prizorgis la muzikan parton.

Antaŭ ol forlasi la manĝsalonon, S-ro Van Doren ankoraŭ, nome de la grupo «La Mara Stelo» donacis al «Belga Esperantisto» sumon de cent

frankoj, kiel dankesprimo por la servoj, kiujn faris nia revuo al la kongreso. Pro tiu gesto kore dankis la direktoro de «B. E.».

... Kaj poste oni disiris. Iuj jam tuj devis reiri hejmen, aliaj restis ankoraŭ dum kelkaj horoj, kuŝantaj sur la sablo, apud la maro, sed por ili ankaŭ la momento de la foriro baldaŭ venis kaj ĉiuj kun malĝojo pri la forveturo pensis.

Por la plimulto efektive, tiu hejmenveturo signifis, post du tagoj trapasitaj meze de la granda impona naturo, la tujan reeniron en pulvoplenajn oficejojn kaj laborĉambrojn.

Ni tamen konsoliĝu, proksiman jaron okazos nova kongreso...

M. J.

(La nomaro de la kongresanoj aperos en venonta numero.)

---

# 18-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO KAJ INTERNACIA SOMERA UNIVERSITATO

**EDINBURGO — 31 Juli ĝis 7 Aŭgusto 1926 — EDINBURGO**

---

**El «Bultenoj 5a kaj 6a», de 31 Majo kaj 30 Junio 1926.**

ADRESO POR LETEROJ: Sekretarioj, 18-a Kongreso de Esperanto, Edinburgo, Skotlando.

ALIĜOJ: laŭ nacieco: Anglej 266, Skotoj 157, Germanoj 46, Francoj 10, Poloj 9, Nederlandanoj 15, Aŭstroj 7, Ĉeho-slovakoj 6, Kimroj 4, Italoj 3, Svisoj 2, Japanoj 5, Hispanoj 5, Usonanoj 6, Jugoslavo 1, Urugvajano 1, Irlandanoj 2, Finno 1, Braziliano 1, Ruso 1, Katalunoj 2, Dano 1, Hungaroj 3, Norvego 1, Novzelandanoj 2, Aŭstraliano 1. — Sumo 564.

ALIĜILOJ: Tiuj, kiuj intencas aliĝi, bonvole ne prokrastu, kaj petu aliĝilon rekte de la sekretarioj.

GARANTIA KAPITALO: Jam garantiita L. 299.

DONACOJ: Por Ordinaro Kaso L. 57. — Por Blindula Kaso L. 32 (Kaso por ebligi blinduloj partopreni la Kongreson. — La direktoroj de la ĉefa Blindula Instituciο en Edinburgo intencas fari donacon de L. 50 por helpi blindajn anojn pri kosto de loĝado, kaj provizi por ili temanĝ-regalon. — Por Speciala Celo L. 60: de du malavaraj samideanoj, sub la ĉifra devizo, «Smizropga tivŭut hahome un ĉosopjuh». La unua solvonto de tiu ĉifro ricevos de la donacintoj senpagan kongreskarton.

MENDILOJ POR LOĜADO, k. t. p.: Ĉirkau 1 Julio la L. K. K. sendos anoncojn al Kongresanoj pri la respektivaj loĝejoj. Nepagintoj bonvolu sendi nepre antaŭ tiu dato monon por loĝado, ekskursoj, k. t. p., kiujn ili jam mendis. Ĉiuj mendu senprokraste, por akiri plej bonajn ĉambrojn.

TAGMANĜOJ: Haveblaj ĉe bonaj restoracioj je kosto de po 1 1/2 ĝis 2 1/2 ŝilingoj.

FERVOJISTOJ: Estas konsilinde, ke ĉiu fervojista kongresano senprokraste sendu rekte al sia respektiva administrantaro petskribon por favortraktado pri la vojaĝo. Li plue petu, ke la administrantaro sendu ĝin al: «The Divisional General Manager, N. E. Area, L. and N. E. Railway, York», kun detala informo pri la petanto. Pro nesufiĉa provizo de karbo, la rabato prialudita en Bulteno 2a, estas provizore nuligita.

MENDILOJ POR LOĜADO, k. t. p.: Ĉirkau 1 Julio la L. K. K. sendos anoncojn al petanto.

INSIGNOJ: La L. K. K. jam aprobis modelon de Kongresa insigno, kaj mendis ekzemplerojn por disdonado en la Kongresejo.

SOMERA UNIVERSITATO: S-ro Fournier d'Albe parolos pri la temo: «Radio kaj ĝia estonteco».

D-ro Edmond Privat parolos pri «La Ligo de Nacioj kaj la malgrandaj Landoj».

FAKAJ KUNVENOJ: La L. K. K. jam ricevis proponojn, ke kunvenoj akozu por Geinstruistoj, Sciencistoj, Poŝtoficistoj, Kuracistoj, Bahaanoj, Oomotanoj, Pacifistoj, Kristanoj, Radianoj, Stenografistoj, Socialistoj, kaj Liberpensuloj. Tiuj, kiuj

konsentas gvidi la kunvenojn de la kvin lastenomataj grupoj, bonvolu senprokraste sin anonci. — Por du fakaj kunvenoj de geinstruistoj, oni sendu proponojn kaj sciigon al: «S-ro Albin Neŭzil, Lernejestro, Olomouc-Neredin, Ĉehoslovakio».

RADIO-DISAŬDIGO: Paroladoj kaj kantoj disaŭdiĝos de la Edinburga Radio-stacio (2 E. H.) kaj Daventry (5XX) de 8.45 ĝis 9.30 p.t.m. lundon la 22an de Aŭgusto.

---

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — «La Verda Stelo»: La 1an de Majo la membroj pasigis agrablan vesperon en la kutima kunvenejo. S-ro Schoofs multe amuzis la ĉeestantojn per antaŭlegado de ... spritaj versaĵoj el «Verdkata Testamento». — La 8an, S-ro M. Boeren interese paroladis pri Arabujo kaj la Araboj, kaj antaŭlegis artikolon, kiun li verkis pri tiu lando kaj kiu aperos en «B. E.» Pro neantaŭvidita cirkonstanco S-ro De Ketelaere ne povis ĉeesti la kunvenon de la 15a, por priparoli la libron «Stranga Heredaĵo» kaj la parolado estis prokrastita ĝis la 10a de Julio. La muzikvespero de la 29a havis la kutiman sukceson, dank'al la afabla kunlaboro de F-inoj De Waegenaere, Van Bockel kaj S-roj Van Winge, Vermuyten kaj François.

BRUĜO. — Kiel dirite en la lasta numero, la Bruĝa grupo varbis sian centan membron. Tiuokaze intima festo estis organizita Dimanĉon, 16an de Majo, al kiu estis invititaj la prezidanto kaj la ĝenerala sekretario de la Belga Ligo. S-ro Witteryck, pro diversaj malhelpaĵoj senkulpiĝis, sed S-ro Petiau estis la bonveninta gasto de la grupo. Preskaŭ la tuta membraro kunvenis en la sidejo, hotelo : «Cornet d'Or» je la tria posttagmeze. Unue oni iris grupe kaj kun la flago ĝis muzeo Gruuthuse, kie la grupo estis fotografata en la enireja korto. Oni same revenis en la sidejon kaj la festa posttagmeza manĝeto komenciĝis.

Ne eble estas revivigi per kelkaj vortoj la entuziasman atmosferon kiu regis dum la tuta festo. Diversaj toastoj estis elparolitaj: S-ro Dervaux, la agema prezidanto de la grupo, elokvente klarigis la gravecon de tiu festa tago ; li dankis per koraj vortoj siajn kunlaborantojn de la komitato, ĉiujn gemembrojn, kaj ankaŭ Sinjoron Petiau pro lia ĉeesto.

Tiu lasta respondis tiam kaj trovis trafajn parolojn por instigi la grupanojn al persistado en tiu bona vojo kaj por speciale atentigi ilin pri la bela interna ideo de nia movado. Ŝiavice F-ino Thooris, eksprezidantino, kaj nun honora vicprezidantino, esprimis sian ĝojon, vidante ke tiuj , al kiuj ŝi transdonis la grupon, tiel bone kaj sukcese daŭrigas ŝian laboron, kaj tial ŝi diris al ĉiuj siajn korajn dankesprimojn.

Poste parolis ankaŭ S-ino Mac Leod honora membrino, kaj donacintino de la belega grupa flago, kiu pruvis denove sian tutkoran sindonemon al la Bruĝa grupo.

La festo estis ankaŭ pliagrabligita per deklamadoj de multaj gemembroj, kaj kantado de F-ino Boereboom, kaj S-roj Dotselaere kaj Guillaume. La muzika parto estis zorge plenumata de S-ino Dervaux (pianistino), kaj S-roj Platteeuw kaj Demeyer (violistoj).

La festo finiĝis en plena ĝojo je la duono post la sepa post kiam oni lastfoje levis la glasojn je la baldaŭa enskribo de la 200a membro. Antaŭ ol disiĝi oni faris propagandan promenadon grupe kaj kun la flago tra la urbo kaj tiel rekondukis Sinjoron Petiau al la stacidomo.




Bruĝa Grupo Esperantista. — Festo je la okazo de aliĝo de l'100a membro.

Unuvorte bonege sukcesinta festo, kiu multe promesas por la estonteco de la Bruĝa Grupo.

BRUSELO. — La ĵus restarigita loka grupo aranĝis jene siajn kunvenojn, kiuj okazas ĉiulunde je la 20a en «Foyer intellectuel», 13, rue

Sterckx, St. Gilles; 1a lundo: Esperanta parolado; 2a perfektiga kurso; 3a ludoj kaj kantoj; 4a perfektiga kurso. Por eviti rigidecon de tiu ĉi sistemo, ĉiu kunsido enhavas parton liberan laŭ plaĉo de la ĉeestantoj. Ĝis nun oni ofte kantis. La propagando estas farita per vendado de «Premier Manuel». Unu ano jam vendis 250 al neesperantistoj! La unuan paroladon faris S-ro Mathieux (3/5) kun lumbildoj pri Bretonlando. Tre interesa rakonto kaj ravaj vidaĵoj! — La unuan ekskurson (13/5) al Wemmel kaj Grimbergen, faritan kun «Foyer Intellectuel», ĝuis 7 anoj; la kongreson ĉeestis 15.

GENTO. — **«Genta Grupo Esperantista».** — La unuagrada kurso sukcese daŭras sub la lerta gvidado de nova profesoro S-ro Van Lerberghe, Juĝa Policoficiro, kiu lernis Esperanton antaŭ nur kelkaj monatoj! Nova pruvo de la facileco de nia lingvo!

La 29an de majo la «Société Gantoise pour l'Expansion des Relations Mondiales», (propaganda sekcio de Genta grupo), organizis tre interesan paroladon pri «Portugalujo Ekonomia kaj Politika» faritan de D-ro Pontes,kuracisto kaj membro de la Portugala Senato.Lumbildoj kaj aŭdado de muziko kaj kantoj Portugalaj tre agrabligis tiun paroladon, kiun ĉeestis multaj eminentuloj, inter kiuj Generaloj Molitor kaj Olaerts, Leŭtenanto-Kolonelo Tancré, la Konsulo de Francujo, F-ino Boonans, Skabenino de Gento, la reprezentantoj de la ĉefaj ĵurnaloj, k. t. p.

S-ro Albert Maertens, Prezidanto, kiu ĉiam ageme sin okupas pri nia afero, prezentis D-ron Pontes al la ĉeestantaro kaj memorigis, ke li estas malnova amiko de Portugalujo, de kiu li ricevis la titolon de Komandoro de la ordeno de Kristo.

Estis tre bona propaganda vespero, kiun ni ŝuldas al S-ro Edgar Lippens, Honora Prezidanto de la militinvalidoj kaj nova ano de Genta grupo. Estas li, kiu invitis S-ron Pontes kaj ĉion aranĝis por la parolado. Li ricevu niajn sincerajn dankojn!

LA PANNE. — Niaj Panaj amikoj estas tre kontentaj pro la rezultato de la kongreso, kiu faris bonan impreson sur la publikon. La samideanoj, kiuj deziras pasigi agrablan libertempon ĉe la marbordo,estas kore invitataj al La Panne, kie S-ro J. Van Doren, 33, Chaussée de Nieuport, tenas sin je ilia dispono por doni al ili ĉiujn informojn deziratajn.

MEĤLENO. — La 9an de Majo kelkaj membroj de la grupo partoprenis ekskurson al Koningshoyckt, kie ili vizitis la interesan Kokid-bredejon kaj promenis ĝis Berlaer. Sep geanoj ĉeestis la kongreson en La Panne.

La Esperantistoj, kiuj deziras ĉeesti sonorilarkoncerton en Meĥleno estas kore invitataj sin anonci al S-ro A. Baesens, Statiestraat, 16, kiu gvidos ilin, kondiĉe ke la peto alvenu al li almenaŭ unu tagon antaŭe.

S-TA NIKOLAO. — La membroj de grupo «Al Triumfo» havis vespermanĝon la 8an de Majo. Ĝin partoprenis 15 grupanoj, Gesinjoroj Schoofs kaj Jaumotte el Antverpeno. La bongustaj manĝaĵoj, preparitaj en la kuirejo de la bone konata restoracio «La Aglo», estis akompanat-

aj de plej ... vigliga vino. La festo estis vere familia kaj tre certe multe helpos plifortigi la amikajn interrilatojn inter la membroj de tiu laborema grupo. Ne estas necese diri, ke je la horo de l'deserto oni ... toastis. — S-ro De Boes, prezidanto, dankis la ĉeestantajn membrojn, kiujn li incitis al plua kaj pliforta propagando kaj varbado, kaj la amikojn venintajn el Antverpeno.

S-ro Schoofs, je la nomo de «Belga Ligo Esperantista», gratulis la prezidanton kaj ĉiujn geanojn de «Al Triumfo» pro la jam akiritaj rezultoj kaj deziris plian sukceson al ili estonte. — S-ro Jaumotte transdonis amikajn salutojn de la fratgrupo «La Verdo Stelo», Antverpeno, kies subtenado de la laŭdindaj klopodoj de la Esperantistoj en S-ta Nikolao li senkondiĉe promesis.

Poste oni aŭdis belegan kantadon de ĉarmaj Esperantistinoj kaj amuzan deklamadon de diversaj membroj. Lotado de surprizoj finigis tiun intiman feston pri kiuj ĉiuj partoprenintoj sen iu dubo longtempe konservos bonan memoraĵon. Tute konfidencie ni kuraĝas aldoni, ke la «postfesteno» daŭris ĝis tre malfrue...!

# GRATULOJ

Al nia malnova samideano JOS. GROESSER, membro de «La Verda Stelo», Antverpeno, kiu estas nomita Kavaliro de la Ordeno de Leopoldo.

Al F-ino BERTHA BEELAERTS, de la Mehlena grupo Esperantista, kiu edziniĝis kun Sro César Colette, el Antverpeno.

# NEKROLOGO

Ni prezentas niajn plej sincerajn kondolencesprimojn al S-ro Raoul Clémeur kaj al lia funebranta familio, pro la morto de lia kara patro, S-ro NICOLAS CLEMEUR.

# PROGRAMOJ.

ANTVERPENO. — Grupo «La Verda Stelo». — Kunvenejo: Witte Leeuw, Frankrijklei, 4, avenue de France.

Sabaton, 10an, je la 20a: Parolado de S-ro De Ketelaere pri libro «Stranga Heredajo».

Sabaton, 17an, je la 20a: Generala Kunveno.

Sabaton, 24an, je la 20a: Amuza vespero. Societaj ludoj.

Dimanĉon, la 25an de Julio: Ekskurso al Lier kaj Emblehem.

Sabaton, 31an de Julio; je la 20 1/2 tre precize: Parolado de S-ro H. Vermuyten. Temo: Du famaj flandraj mezepokuloj.

Sabaton, 7an de Aŭg. je la 20a.: Kermesa promenado.

Sabaton, 14an de Aŭg. je la 20a.: Amuza vespero. Societaj ludoj.

Dimanĉon, 15an de Aŭg.: Ekskurso al Austruweel. Foriro je la 9 1/2 Suikerrui.

Sabaton, 21an de Aŭg. je la 20a.: Muzik- kaj deklama vespero.

Sabaton, 28an de Aŭg. je la 20a.: Kunsido de burleska parlamento. Temo: leĝprojekto pri la edziĝo kun provtempo kaj kontrakto de 3-6-9 jaroj.

# LA OFERO

(DAŬRIGO.)

La timeto de Léglise estis senkaŭza. La generalo G... alvenis antaŭ nelonge. Mi renkontis lin sur la teraso. Lia vizaĝo plaĉis al mi: sprita, inteligenta.

— Mi venas viziti la kaporalon Léglise, li al mi diris.

Mi kondukis lin en la ĉambron plena je vunditoj, kaj tuj ne dubante li iris al Léglise, kvazaŭ li perfekte konus lin.

— Kiel vi fartas, li demandis, prenante lian manon?

— Via Generala Moŝto, oni tranĉis la kruron al mi...

— Mi scias tion, mia infano. Tial mi alportis al vi la militan medalon.

Li alkroĉis la medalon sur le ĉemizon de Léglise kaj kisis mian amikon sur la du vangoj, simple kaj ameme.

Poste li parolis kun li sufiĉe longe.

Mi estis kontenta. Tiu generalo estas tre inda homo.

* * *

Oni envolvis la medalon en peco da muslino por ke la muŝoj ne malpuriguŝ ĝin, kaj oni fiksis ĝin sur la muron, super la lito. Ĝi ŝajnas gardi la vunditon kaj rigardi kio okazas ĉirkaŭe. Sed malfeliĉe, tio kion ĝi povas vidi estas tre malgaja. La dekstra kruro, la sola kruro estas nun tre malsana. La genuo estas kaptita, tute kaptita, kaj tio kion oni faris por savi ĝin, ŝajnas senutila. Malsupre la sidpunto aperis vundo, poste du vundoj. Ĉiumatene li devas pasi el unu doloro al la alia, devas tutdiri la saman kruelan dolorrozarion.

Oni ne mortas pro la doloro, se ne Léglise estus mortinta. Mi ankoraŭ vidas lin kun treege malfermitaj okuloj, kaj subite ĉesante krii. Jes, mi pensis ke li tuj mortos. Sed tiu sufero volas esti tute suferita; ĝi eĉ ne svenetigas tiujn, kiujn ĝi trafas.

Mi alvokas ĉiujn por helpi:

— Genest, Banassin, Prévot, venu ĉiuj!

Jes, eĉ dekope, se estas necese, ni sublevu Léglise, por pli bone teni kaj dolĉigi lin. Minuto da lia sufero valoras dek jarojn de nia peno.

Ho, eĉ se ni estus centope, li tamen devas toleri la plej grandan ŝarĝon!

Tuta homaro suferas je tiu horo ŝarĝon treege kruelan. Ĉiu minuto malplibonigas ĝian doloron. Ĉu neniu, neniu venos helpi al ĝi?

* * *

Mi ekzamenis kune kun la mastro la farton de la vundito. Mallaŭte, apenaŭ aŭdeble, la mastro diris:

— Estos necesa dua ofero.

Vere, la ofero ne estas ankoraŭ tuta.

Sed Léglise komprenis. De kelke da tempo li ne ploras plu. Li ŝajnas laca kaj iom perdiĝinta, kiel homo kiu remas kontraŭ la uragano. Se-

krete mi lin rigardas kaj tuj li diras per voĉo klara, trankvila kaj decidita:

Mi pli volonte volas morti.

Mi iras en la ĝardenon. Estas mateno ardinta, sed mi nenion vidas, mi ne volas vidi. Mi rediras irante:

— Li pli volonte volas morti...

Kaj malespere mi demandas min, ĉu li ne havas la rajton.

Ĉiuj poploj ekmovas siajn foliojn. Unuvoĉe, kaj tio estas la vera voĉo de la somero, ili diras: «Ne, li ne havas la rajton».

Malgranda skarabo trapasas la vojon antaŭ mi; nevole mi ĝin duone piedpremas, sed ĝi fortike forkuras. Ankaŭ ĝi diras laŭ ĝia maniero: «Ne, vere, via amiko ni havas la rajton».

— Diru al li ke li ne havas rajton! kantas la abelaro kiu zumadas ĉirkaŭ la tilio.

Longa kanonpafo kiu gruntante trapasas tutan kamparon, ankaŭ krias: «Li ne havas rajton! Li ne havas rajton!»

* * *

Vespere, la ĉefkuracisto revizitis Léglise kiu diris al li kun la sama malgaja graveco:

— Mi ne volas, sinjoro ĉefa kuracisto, mi pli volonte volas morti.

Ni iras en la ĝardenon kaj la mastro diras al mi tiun strangan frazon:

— Penu vi konvinki lin. Mi preskaŭ hontas peti al li tian oferon.

Kaj mi do, ĉu mi ne hontas!

Mi demandas la varman nokton, ornamitan per steloj; nun mi estas certe ke li ne havas rajton; sed mi ne scias kiel diri tion al li. Kion mi povas oferi al li kiel interŝanĝon por tio, kion mi volas peti al li? Kie trovi la vortojn kiuj decidigas vivi? Ho, vi diajoj, diru al mi, ripetu ke la vivo estas dolĉa kun korpo tiel dolore kripligita!

(Daŭrigota.)

## GRAVA DECIDO.

« La Laborista Delegitaro de la Oka Kunsido de la Internacia Laborkonferenco, kiu spertis dum la kunsido la malfacilaĵojn kaŭzitajn pro la lingva diverseco kaj la neeblecon venki tiujn malfacilaĵojn eĉ uzante tri naciajn lingvojn, deklaras, ke la lingva problemo grave kontraŭstaras la rapidan plenan interkomprenon kaj kunagadon de diverslandaj laboristoj. Tial la delegitaro sugestas al la laboristaj organizaĵoj naciaj kaj internaciaj kaj ankaŭ al la membroj individuaj ke ili pripensu la eblecon uzi Esperanton kiel neŭtralan helpan lingvon internacian por solvi la problemon. »

S-ro R. I. P. Mortished, irlanda laborista konsilanto, ĉe la konferenco submetis la deziresprimon. S-ro Mertens belga laborista delegito kaj prezidanto de la delegitaro subtenis la aferon kaj diris, ke li submetos la decidon al la konsilantaro de la Internacia Federacio de Sindikatoj, kies vicprezidanto li estas. Subtenis ankaŭ S-ro Jaszai (Hungarlando) kaj S-ro Pugh (Britlando) dirante, ke en siaj landoj la sindikataj kongresoj jam decidis akcepti Esperanton. S-ro Curran, delegito de Sudafriko, deklaris, ke tuj post lia reveno en sian landon, li ĉeestos klasojn kiujn la tieaj sindikatoj jam starigis. Same favoris tiun decidon S-ro Serarens, sekretario de la Internacia Federacio de Kristanaj sindikatoj.

Ankaŭ inter la registara delegitaro troviĝis senditoj sciantaj Esperanton: Majoro Saralegui (Hisp.), S-ro Sakurai (Jap.)